XXXIV-a Jaro — N-ro 458 (4) — 28 Februaro 1938

# ESPERANTO

Internacia Gazeto duonmonata de Universala Esperanto - Asocio

# Ombro sur la «Nova vojo»

## Sur la nova vojo — Por memorigi — La vera situacio — Aŭtarkio

« Sur la nova vojo » titoliĝis ĉefartikolo en « Heroldo de Esperanto ». Laŭ la melodio « Tout va bien, Madame la Marquise » (Ĉio iras bone, Markizin'). La mirigan optimismon de l' verkinto ni ja kutimas. Sed ne partoprenas ĝin. Resume li opinias, ke la « nova vojo » (trovita en 1936) estas bona. Kaj li kirlas kelkajn ciferojn por pruvi ion, kio ne bezonas ĝin. La nova vojo pri kiu li elokvente parolas, kondukos al abismo.

### Por memorigi

La unuecigo de la movado neŭtrala ja komenciĝis en 1933. Laŭ la artikolo citita, oni kredus ke tio okazis nur en 1936. Nu ni memorigu, ke la « nova vojo » estis ekpaŝita sur bazo de malveraj informoj; per decidoj de komitato, kiuj ruĝigus estraron de la plej eta grupo, kaj per agoj kontraŭleĝaj oni provis « savi la fasadon ».

Unu detalo : La donacon de la Biblioteko de UEA al la Nacia Biblioteko Aŭstria. La komitato ja ne rajtis eĉ tian agon, sen konsento de la membraro. Siatempe la protestintaj membroj en Ĝenevo atentigis pri la ebla danĝero rezultiĝonta el la politika situacio en tiu ĉi lando. Kaj nun ? Ĉu iu ankoraŭ dubas pri la « nova vojo » kiun iras la Aŭstria Ŝtato ? Kaj la ekzemplo de Esperanto en la Tria Regno ja sufiĉe indikas kien iros la movado en lando samdirektigita aŭ niveligita.

Necesas iom da tempo, por ekkoni la sekvon de la ŝanĝo en 1936. Okaze ni revenos je aliaj interesaj detaloj.

### La vera situacio

La Ligo kalkulas 13000-14000, UEA inter 1300-1400 anoj. Stato grandioza por unu, mizera por la alia. Proporcio 10 kontraŭ 1. Ekzistas ankaŭ alia aspekto de l' problemo. Por funkciigi aparaton de internacia organizo, necesas kotizoj de aktivaj anoj. La ligo kalkulis tiajn : 2697 ni diru 2700, plus 10-11 mil da pasivaj anoj, la 50 centimulojn. Tiam la proporcio kun UEA kiu nur konas aktivajn anojn estas 2-1. Komparante nombrojn oni devas ankaŭ atenti ilian kvaliton. Ano kiu pagas kvindek centimojn ne estas samvalora je tiu kiu pagas dek aŭ dudek foje pli multe. Kvindek centimoj po ano estas i m p o s t o, sed ne kotizo !

Konkludo : 2700 aktivaj anoj ! Jen la nova vojo ! Kun intereso ni vidos la bilancon de la ligo pri 1937.

Konsilo : Komparante ion oni variigu la principon de l' homeopatio « similia similibus curantur », per « Komparu ion, per io simila ».

La vera situacio de ambaŭ organizajoj UEA kiel IEL ne estas brila ! Ĝi respondas al la konfuza stato de l' mondo kaj speciale al tiu del mondo esperantista. Kial kaŝi konatan kaj komprenatan situacion ? Pli korekte estas diri la veron, tia kia ĝi estas !

### Aŭtarkio

Jen ankoraŭ nova vorto kun signifo ne agrabla por ni samtempuloj. En Zamenhofa Esperanto oni dirus « memsufiĉeco ». Ĝi estas moda esprimo por nomi la tendencon de regnoj sin fermantaj ekonomie kontraŭ aliaj, kaj penantaj sin sufiĉi per propra produktado.

Nu en Esperantujo ni vidas similan tendencon al memsufiĉigo. La aŭtarkio en nia movado progresas. Paroli hodiaŭ pri internacia » movado estas tiom plibeliga, eŭfemisma dirajo, kiom estas « internaciaj » rilatoj, por la nuna konfuzo.

La movado naciiĝas kaj specialiĝas. Pruvon ni vidas en Nederlando. Tie ekzistas du Landaj asocioj neŭtralaj, unu laborista unu katolika, unu protestanta. Ĉiuj havas la karakterizajn trajtojn de « Landa Asocio » aŭ « Nacia Societo ». Ni forlasas la epiteton « neŭtrala » fariĝinta sensenca en multaj rilatoj.

Ĉiuj kvin kune kalkulas je la fino de 1937 preskaŭ dekmil anojn ! La laborista sola, atingas la duonon tre proksime ! Kaj el tiuj 5000 esperantistoj n e klasbatalantaj eĉ ne 500 partoprenas la internacian movadon, kiel « aktivaj » anoj.

Jen la vera vizaĝo de la movado sub signo « unueca » sur bazo de kvindek centimoj. Kaj kion ni vidas en Nederlando, ni spertos iom post iom en aliaj landoj. La fino estas la aŭtarkio.

Leginda dokumento estas ĉirilate la « Laborista Esperantisto », organo de la Nederlanda Federacio Laborista, numero 1, Februaro 1938, kun la raporto 1937. Ĝi pruvas ke la pezocentro de l' aganta esperantismo transiris al la laboristoj.

Kontraŭ la kelkmilo da aktivaj anoj en la neŭtrala movado internacia, la sumo de la Laborista Federacio Nederlanda efikas kiel malvarma duŝo.

Ĉu tio estas la « Nova vojo »?

H. H. Kürsteiner.

# Por lingva sendependeco

**Peider Lansel**

Romanĉa verkisto kaj poeto. Naskiĝis 15 Aŭgusto 1863 en Pisa, Italujo, kie la familio havis industrian entreprenon. Konsulo svisa en Livorno 1927-1934. Depost 1905 dediĉis sin al la literara evoluo de sia gepatra lingvo, la retoromanĉa. Verkis interalie poeziajaron « Primulas » « La cullana d'Ambras », « Il vegl chalamêr », « La Musa ladina », antologion engadinan kaj multajn aliajn verketojn. La svisa Schiller fundajo honoris lin per premio.



Peider Lansel, vivanta en Genève, vizitis nian oficejon dum Januaro kaj admiris la riĉan libraron de nia lingvo precipe la belan kolekton de l'Antologioj en aro da lingvoj. Rimarkinda momento, dum kiu la defendanto de la rekta filinlingvo de l' glora latino interparolas kun ano de la internacia lingvo, sintezo de l' latinidaj idiomoj kun la idoj de l' iam « barbaraj » lingvoj.

Peider Lansel havis la ŝancon vidi la frukton de sia penado. En voĉdono je la 20-a de Februaro 1938 la svisa popolo akceptis la proponon pri la rekono de l' retoromanĉa kiel kvaran lingvon nacian de la konfederacio.

Jen ekzemplo de popolregado. Ne decidas la deputitoj en la parlamento, ĉiam influeblaj kaj influataj. Sed decidis la popolo mem.

Apogitaj de la svisa popolo, la batalkrio de l' retoromanĉoj, ricevas leĝan rekonon.

Nek italoj, nek germanoj
Romanĉoj ni volas resti.

Georgo Agricola.

# Internacia Enketo Lerneja

La Bulgara Ministerio por Komerco kaj Industrio, per cirkulero N° v. 736113 de la 8-a de Aprilo 1937 enkondukis Esperanton, kiel nedevigan lernobjekton en la komercajn lernejojn de nia lando.

Post kelkaj monatoj, en la programo de la bulgaraj komercaj lernejoj estas farotaj gravaj ŝanĝoj. Por ke ni — la esperantistoj, helpu la Ministerion en tiu ĉi tre grava paŝo, ni petas Vin, kiel eble plej baldaŭ respondi je la subedonitaj demandoj.

Enketanto : Georgi ĤR. Dimov, Jurnalisto.

Bul. Dobriĉ N° 18. Varna. Bulgarujo.

## Demandaro

1. Kiaspecaj komercaj lernejoj ekzistas en Via lando ?
2. Kiom da jaroj daŭras la studado en ili ?
3. Kia antaŭa preparado estas postulata de la kandidatoj por la lernejoj ?
4. Kiom da horoj semajne daŭras la studado ?
5. Kiaj objektoj estas instruataj en la diversaj klasoj (programo)?
6. Kiom da horoj semajne por ĉiu lernobjekto ?
7. Kiamaniere oni difinas la sukceson de la lernantoj ?
8. Disciplino kaj ĝiaj rimedoj :
   a) premioj
   b) punoj
9. Nombro de la lernantoj en unu klaso ?
10. Rajtoj kaj devoj de la direktoro ?
11. Rajtoj kaj devoj de la instruisto, kiu estas ŝarĝita speciale okupi sin pri iu klaso (klaskuratoro)?
12. Instruistaj kunsidoj ?
13. Konsiliĝoj inter gepatroj kaj instruistoj ?
14. Fino de la kurso-ekzamenoj kaj diplomoj ?
15. Preparado de la kandidatinstruistoj ?



**Universala Esperanto - Asocio**

Centra Oficejo : Palais Wilson, Genève, Svislando

# Socio kaj Lingvo

## La Retoromanĉoj

De Peider Lansel

Kiam en la jaro 916 Retio venis kunekun Suevio (Schwaben, Souabe) sub la regado de la duko de Alemanio, signifis tiu ĉi novordigo por Retio pura formalaĵo. Ĝi poste malaperis ankaŭ, post mallonga daŭro, ne lasante iajn postesignojn. Sed dume pligraviĝas kontrasto inter la episkopo de Curia kaj la feŭda nobelaro. Je la instigo de tiu ĉi lasta, komenciĝas en la 13-a jarcento la enmigro de la tielnomataj « Walser » en diversaj retiaj valoj, germanlingvaj alpanoj, origine de la Supera Valezo. Tiu ĉi enmigrado daŭras ankaŭ en la sekvanta jarcento. Ĉi tiuj Walser dismigris jam pli frue al Italio, kie ili fondis la germanajn koloniojn de la Valo Formazza, de Gressoney kaj Macugnaga k. t. p. La germane parolantaj komunumoj kaj valoj de Griza Ligo devenas plejparte de ĉi tiuj montaranoj.

La liberecoj kaj privilegioj konsentitaj al la Walser, kaj la progreso de la komunuma aŭtonomio, estas la fino de la servuto. Komenciĝas la falo de la feŭda reĝimo, ĝi estas kondamnita al pereo. Sekvante la ekzemplon de la najbara Svisa Ligo primitiva, leviĝas ankaŭ la retiaj montaranoj en la unuaj jaroj de la 15-a jarcento kaj liberiĝas de la jugo de l'subpremantoj malamataj. Ili atakis la kastelojn kaj detruis ilin. Restas la minacanta intenco konkera de Aŭstrio. Por sin defendi la popolo kuniĝas en ligoj (Bünde). Ĉi tiuj ligoj nome la Griza, la Ligo de la Dek Jurisdikcioj kaj la Ligo de l'Domo de Dio ampleksas la tutan teritorion de l'antikva Retio Kuriana. Kunigitaj ĉirkaŭ je la mezo de la 15-a jarcento, ili formis la respublikon de la Tri ligoj, depost tiam nomita Griza Ligo aŭ geografie Grizono.

(France: Grisons ; germane : Graubünden ; itale: Grigioni ; romanĉe: Grischun).

La sensacia malvenko de l'imperiestro Maksimiliano en jaro 1499 ĉe Chavalaina (Calven) proksime al la eliro de la Valo de Monastero, baptas per sango la junan respublikon kaj alportas al la Griza Ligo la absolutan sendependecon de la Germana Imperio, en la sekvanta packonkludo de Basel. De tiam, ĉi tiuj alpanoj, ĉu parolantaj romanĉe, germane aŭ itale, estas tiom intime ligataj, ke eĉ la profundaj disputoj, kaŭzitaj de la reformacio en la 16-a jarcento kaj la ankoraŭ pli akraj kontraŭreformaciaj kvereloj de l' sekvanta jarcento, ne povis rompi la ligilojn, aŭ eĉ nur ŝanceligi la union. Fakto, okazinta en malgranda skalo en la Griza Ligo kaj en pli granda formato en Svislando, pruvinta, ke ĉi tiuj popoloj estas vere dignaj de la penplene konkerita libereco.

Dum la tridekjara milito Grizono estis implikita en la longjaraj sangoplenaj bataloj kontraŭ la aŭstri hispana koalicio. Vid-alvide de la senespera rezistado de la grizonanoj, kiuj krom la kontinua helpo de la svisoj, ricevis en decida momento ankaŭ tiun de Richelieu, Aŭstrio konvinkiĝis, ke kun ĉi tiuj malmolkapaj alpanoj nenio estas farebla. Ĝi do pretiĝis al la paco de 1649. Kontraŭ mona kompenso, la grizonanoj povis liberiĝi de servuto, restinta ankoraŭ sur la suba Engadino kaj fine sin senti mastroj en la propra domo.

Kiam en 1803 la respubliko de la tri ligoj fariĝis kiel dekkvina kantono, membro de la Svisa Konfederacio ĉi tio signifis nur okazaĵo de evoluo logika kaj natura: Ĉar la « **Antikva Libera Retio** » estis svisa per kultura parenceco, per ekonomiaj rilatoj kaj politikaj interligoj jam de jarcentoj. En la konfederacio, konsistanta el suverenaj kantonoj, la trilingva Grizono konsideras sin aparte honorata, kontribui al la misio ideala de Svislando en la mondo. Ja devas esti pruvata la ebleco, ke en nacio, konstituiĝinta laŭ libera decido, kie rajtoj kaj devoj estas juste ekvilibritaj, kie laŭ deveno, lingvo, karakterizaĵoj kaj tiel plu unuiĝas tute malsamaj gentoj firme kaj nedisigeble en frata interkonsento kaj en fruktodona kunlaboro. Sen la vivanta ekzemplo de Svislando, ĉio tio aperus nur kiel utopio.

Kun la historia evoluo de Retio estis intime ligita la sorto de la romanĉa lingvo. Troviĝanta meze inter la germana kaj latina mondo, kvazaŭ inter martelo kaj amboso, la romanca donis, sole per la fakto, ke ĝi povis ekzisti kaj rezisti pli longe ol jarmilo, la pruvon de mirakla vivoforto.

L'g Nuof Sainc
Testamaint da nos Signer
IESV CHRISTI,

Prais our delg Latin & our
d'oters launguax & huossa da
naef mis in Arumaunsch,
très Iachiam Bifrun
d'Agnedina.

Psalm CXIX.
Tieu uierf es üna glimijra à mès pês & una
liusth à mieu paß.

Schquischo ilg an
M. D. LX.

**Titolpaĝo de la unua eldono de l'Nova Testamento en romanĉa lingvo, de Jachiam Bifrun 1560**

Transdonita de generacioj al generacioj nur kiel lingvo « **parolita** » — ne atentante antikvajn fragmentojn de nur filologia valoro —, la retoromanĉa postulas la rekonon kiel « lingvo » en la jaro 1527 per la « **Chansun de la guerra dailg chasté d' Müss** », verkita de l'engadinano Travers. La reformacio, sin servinta de la presarto, havas grandan influon je la formado de la modernaj lingvoj (ekzemple Luther per la traduko de la Biblio, Calvin per la « Institution » ktp.) Sur tero retoromanĉa, la unua libro estis presita en jaro 1552 : katekismo kun aldonita aboco, kiu do entenis samtempe la unuajn elementojn de la antikva lingvo kaj de la nova kredo. Kun la inspiritaj tradukoj de l'**Nuof Testamaint** (Basel 1560) kaj de l' **Cudesch da Psalms** (1562) Bifrun kaj Champel donas al la lingvo literature apenaŭ naskita, flugilojn de aglo. En la sekvantaj jarcentoj fondiĝis en la romanĉaj valoj aro da presejoj kaj ankaŭ paperfabrikejo. Veraj juveloj de presarto kiel la **Exodus** de G. P. Saluz (Scuol 1662) la **Biblia** de Vulpius kaj Dorta (Scuol 1678-79) **Ilg spejel christiaun** de J. J. Ander (Tschlin 1681) la **Philomela** de Martin ex Martinis (Scuol 1684) prisilentante multajn aliajn, binditaj en solida enlanda ledo, estas konservitaj ĝis nuna tempo kiel kortuŝaj atestoj de laboro, scio kaj kredo de l' antaŭuloj.

(Daŭrigo sekvos).

# Socia Vivo

## El la historio de Scotland-Yard

Parlamento, reĝa digno, polico — ĉi-tiujn tri simbolojn de la brita grandeco oni povas ampleksi per unu vido, kiam oni transpaŝas la Westminster-ponton en Londono. Je la maldekstro ŝajnas emerĝi el la grizaj ondoj de la Tamizo la kompaktaj muroj de la parlamentejo ; tra la arboj de la St. James-Parko nin rigardas la reĝa Buckingham-Palaco kaj sur la alia bordo tronas Scotland-Yard.

Kial ĉi-tiu citadelo verdire portas skotan nomon ? La grandega konstruaĵo iam estis la loĝejo de la membroj de l'skota kortego, kiam ili vizitis Londonon. La lasta estis Margareto, reĝino de Skotlando, fratino de reĝo Henriko VIII. En la jaro 1829 estis loĝigata en la palaco la « Metropolitain-Police », kaj el ĝi fariĝis « Scotland ». Kvindek jarojn poste la konstruaĵo sin pruvis tro malgranda ; oni konstruis senpere apud la Tamizo - kajo kastelon en la renesanca stilo, nomita « New-Scotland ». Ĝi estis pretkonstruata nur en 1890 ĉar, sole por la fundamento, kiu kuŝas malalte sub la Thames, oni bezonis 30.000 tunojn da granito, kiuj estis rompataj de punatoj en la ŝtonrompejoj de Dartmoor. Sed ankaŭ ĉi-tiu konstruaĵo ne plu sufiĉis al la kreskantaj bezonoj, kaj tiel en 1905 estiĝis la tria, la " Scotland-House ", kiu per tegmentita ponto, simila al la malfamkonata « ponto de l'sopiroj » en Venezia, estas ligita kun la centra konstruaĵo. Tiel estiĝis la fortikaĵo ĉe la Tamizo, unu de la plej grandaj de ĝia speco, kvazaŭ giganta granitbloko, kiun limitas je la malantaŭa fronto la rivero, kaj je la tri aliaj flankoj la Westminster-ponto, la Victoria-kajo kaj la Derby-strato.

Oni ofte diras, ke la plej vera fizionomio de lando sin spegulas en ĝia polico. Scotland Yard havas du fizionomiojn : publikan, nome ĝian armeon da « Bobbies » (ŝercnomo por la Londonaj policistoj) kiu konsistas el 16.547 « constables » (policistoj), 2.775 serĝentoj kaj 32 ĉefintendantoj. Do preskaŭ 20.000 viroj en uniformo, krome 54 policistinoj. Dua armeo estas la detektivoj de Scotland Yard, sed ilia nombro ne estas indikata. Kaj ĉi-tiun armeon kontrolas unu sola ĉefo : la « Commissioner » (komisiito).

Por penetri en la internon de Scotland Yard, la eksterulo bezonaz permesilon tre malfacile riceveblan, kiu valoras nur por lia nomo. Unue oni trapaŝas grandegan atendejon kaj poste volbitan, malluman antaŭkorton. Kvar koridoroj unuiĝas rektangule kaj formas kvadraton, kiu en ĉiu etaĝo disigas du vicojn da kancelarioj, la unua vico fenestras al la korto, la dua al la strato. Du ŝtuparoj kaj du liftoj kondukas je ĉiu flanko al la unuopaj sekcioj. En la teretaĝo troviĝas la angla kriminalpolico, la C.I.D. (Criminal Investigations Department = departemento por la trovado de krimuloj), kiu estas famekonata kaj timata en la tuta mondo. En la interetaĝo ni trovas teknikajn ĉambregojn por mezurado kaj daktiloskopio (premsignado de la fingroj). Tie estas ankaŭ la laboratorioj por kemiaj analizoj. La unua etaĝo estas rezervata por la « Commissioner » kaj lia ĉefstabo. La lastaj du etaĝoj loĝigas la civilagentojn.

La « Commissioner » estas elektata de la reĝo. La nuna estas la dekkvina dum la ekzistado de la « Metropolitain-Police ». Ĉiun tagon la « Commissioner » devas plenumi ceremonion. Kelkajn minutojn antaŭ tagmezo li eliras el sia privatkancelario kaj paŝas al la ĉefŝtuparo, kie leviĝas nigra marmora soklo kun konstanta lumo. Ĉi-tie li restas kelkajn momentojn. Li salutas la monumenton de la policanoj batalmortintaj dum la mondmilito. Poste li iras tra kelkaj koridoroj, kies pezaj pordoj malfermiĝas senbrue antaŭ li, kaj fine eniras ejon, kiu estas trioble pli longa ol larĝa kaj en kiu laŭlonge estas starigitaj du apartaj lignaj kulisoj. Viro en blanka tola bluzo paleton en mano, estas okupata ĉi-tie. Silente li paŝas flanken, dume la « Commissioner » komencas sian rondiron.

Ĉi-tiu stranga ĉambrego enhavas grafikan desegnaĵon de la Londona krimula vivo. La du laŭlongaj muroj, same kiel ĉiu flanko de la lignaj kulisoj, estas kovritaj kun grandaj geografiaj kartoj, kiuj reprezentas ĉiujn distriktojn, diviziojn kaj sekciojn de la urbego kun ĉiuj stratoj kaj placoj. Kaj ĉiu krimo, kiu estas farata, trovas ĉi-tie sian grafikan reprezenton. Dato, numero, litero kaj sube geometria figuro : kvadrato, rektangulo, cirklo, triangulo, sesangulo. Ĉiu de ĉi-tiuj figuroj estas kolorita en la ĉefkoloroj kaj iliaj nuancoj. Ruĝa estas murdo, blua estas ordinara ŝtelo, verda estas perforta ŝtelo, flava estas trompo, nigra estas spionado kaj perfido kontraŭ la patrujo. La nuancoj signifas la specialan specon de la krimo. Helblua estas ŝtelo de aŭtomobiloj, malhelblua estas fraŭdo, oran oranĝo signifas ĉantaĝon, rozruĝa estas provita murdo. Kiam unu el la krimoj estas esplorita kaj punita, la loko estas kovrata per blanka papero.

Per unusola vido la « Commissioner » do povas ampleksi la kompletan bildon de la Londona krimularo en ĝia aktiveco, li vidas ĝian kreskon, ĝian malkreskon, ĝian ofensivon, ĝian subpremon. La lasta bildtabulo montras al li multkoloran skalon por la koncerna tago kaj super ĉiu kolorkolono nombron, ekz. : 6 murdoj, 10 provitaj murdoj, 20 fraŭdoj, 200 ŝteloj, 50 kazoj de trompo — la statistiko de la lastaj 24 horoj.

Ĉi-tiu estas la ĉambro de la koloritaj muroj, la muta raporto de la « Metropolitain-Police » pri regiono, kies diametro estas longa 25 kilometrojn kaj en kiu vivas ok milionoj da homoj — ĝi estas la muta malindulga atestanto por la sekretaj vivo kaj agado de la Londona krimularo.

En ĉambrego de la malnova Scotland Yard oni povas vidi la portreton de « Dolly ». Estis la familiara nomo kiun oni donis en Scotland Yard al la unua detektivo : Adolphus Williamson, kiu supreniris la ŝtupojn de simpla policano al la plej alta ĉefo de la Londona kriminala polico.

Kiam Sir Robert Peel en la jaro 1829 fondis la « Metropolitain Police », la kriminaleco estis forte kreskanta. En Francujo jam depost du jardekoj ekzistis kriminalpolicistoj. Sed Peel ne riskis imiti ĉi-tiun ekzemplon, ĉar ĉio kio venis el Francujo memorigis la Anglojn pri la malamita Napoleono. Krome oni en Anglujo nur respektis la uniformitan policon. La apliko de sekretaj agentoj en burĝaj vestoj sin inmiksantaj en la privatajn aferojn de la loĝantaro, estus provokinta ribelon.

(Sekvo vidu paĝon 3)

# Literaturo

## Hirundoj en ciklonon

de M. Vanzino

*Al samideano prof. Corrado Grazzini mi dediĉas ĉi traduketon kun admiro.*

*La Tradukinto.*

— Ci estas bela, knabino, tiel bela kiel Madono.

Ciaj okuloj lazuregaj, ciaj haroj nigraj kiel ebono, cia buŝeto tiel perfekta... ĉio en ci estas rava.

Johanino, ĉie ci estas dia.

Mi cin amas, Johanino, varmege, senfine, freneze.

Ekprovos ĉion mi por cin posedi, por ke ci estu mia.

Johanino, kial ci montriĝas tiel indiferenta?

Johanino Malesi ekmoviĝis el tiu varmeteco, kiu enpenetris ŝin.

Peto atendis respondon; ŝi devis paroli.

Ŝi turnis al li l'okulojn malgajajn kaj disperditajn, ŝajnis preskaŭ demandadi al li.

Kion diris al ŝi Maŭro Rossi, kun sia ĉarma voĉo, karesante ŝin per rigardo de grandega pasio?

Diris multegon li, longe, kaj ŝi aŭdis.

Sed ŝia animo, ŝia memoro estis tro malproksimaj tiam por rememori vortojn aŭditajn kaj redoni formon kunligitan.

Certe li parolis al ŝi por amo; certe li diris ke ŝi estas belega, kaj juris ŝin amadi.

Ĉiam ĉiuj diras ĉi-maniere!

Ŝi petis al li:

— Maŭro, pardonu, kion ci diris ?

— Dankon, Johanino, ekvidas mi ke miaj frazoj tuŝas cian koron. Mi prenis liberecon montri al ci mian amon; mi konfesis ke mi cin amas, amegas.

Ŝi havas rideton pro malgaja ironio.

Ŝi pasigas la manon sur malgrandega frunto:

— Ci estas prava, Maŭro, mi agas malbone ĉe ci, sed mi ne estas malbona, kredu min, mi ne estas malbona !

Estas mia malbonega sorto kiu min faris tiel; estas mia terura sorto kiu ŝtelis el mi por ĉiam bonan rideton kaj min apartigis en skeptikecon kolerigeman. Ci diras min ami. Mi rakontos mallongan historion sed doloregan, estos la mia, Maŭro, estas tiu de mia estinta vivo.

Mi estis dekokjara. Junulino, sola filino de patro kiu el eksterlando revenis en patrujon kun ŝatinda havajo; ne mankis al mi la kutimaj fanfaronuloj kiuj sersŝas doton kaj seriozaj junuloj de bonaj familioj altiritaj ĉe mi de sincera amo.

Kialon, el ĉiuj mi estis enamiĝanta de Sidney Dàlmati, mi ne scias kaj neniam pardonos min mem.

Li estis viro komuna. Ne bela, sobre eleganta, paroladis diskrete ame. Estis oficisto; kiel li vivadis mi neniam petis. Sidney Dàlmati al mi prezentiĝis kune kun aliaj amikoj en Salono Skating. Mi tiom ekenamiĝis ke eĉ paroladis pri li al mia patro.

« Ne ŝajnas al mi malbona junulo. Ĉu al ci plaĉas kaj ci opinias ke ci estus reamata, mi ne havas ion kontraŭan ». Mi ĉirkaŭprenis lian kolon, kovrante lin per kisoj. Tiel mi subskribis mian kondamnon. Post ne multe mi edziniĝis...

Maŭro Rossi ekpaliĝis, per voĉo mallaŭta petis ŝin:

— Ĉu ci, ci, Johanino... estas edziniĝinta ?

— Mia edziniĝo ne valoras plu, Maŭro, ĝi estas nuligita !

— Parolu, Johanino.

— Ni geedziĝis kaj la saman tagon ekis edziĝa vojaĝo. Maŭro, mi ruĝiĝas diri ĉi-tiom. Je la sama vespero kia por ĉiuj geedzoj estas preludo de dolĉega sigelo de amo, li min batis.

Ŝi kaŝis vizaĝon per manplato ege singultante.

Du larmoj de Maŭro falis sur ŝian vizaĝon.

Li karesis ŝiajn harojn delikate kaj tiris ŝin ĉe si kvazaŭ ŝin protekti el malbonajoj de tia viraĉo.

— Tiel dum tri monatoj. Mi suferis kaj ne parolis por ne plorigi mian patron. Mi senfloriĝadis tagon post tago; mi iĝis kiel mia ombro. Mi oferbuĉiĝis pro la monstro. Decidita fine ĉion montri al mia patro, kiu jam eksciis, al mi ŝparis tian agon terura elfalo de kondiĉo kiu estis tro malvera por daŭri ankoraŭ. Sidney Dàlmati foriris ian vesperon kunportante mian doton kaj objektojn altvalorajn.

Ŝi silentiĝis, estis lacega.

Ekreparolis:

— Ni lin denuncis. La kvestoro, kiu estis malnova amiko de mia patro, al kiu mi montris fotografajon, min antentigis malĝojege :

— Malfeliĉa infaneto, ekdiris, se mi povis scii tion! Vi edziniĝis kun Giovanni M., la ŝtelisto internacia.

Maŭro, kion ankoraŭ mi devas aŭdi?

— Johanino, malfeliĉa Johanino !

En tia kompato Maŭro transverŝis sian pasion.

— Ci estis malbonege pruvata. Sed mi donos al ci tian fidelecon pri la amo kian ci ne povus pli havi.

— Dankon, Maŭro, ci estas bona, sed mi estas maljuna, tre maljuna kun miaj dudekdu jaroj. Mi vivis kaj suferis troe. Mi ne havas plu fortecon por renaskiĝi. Mi havas teruron.

— Knabino, kion mi devas fari por ke ci kredu min? Tion mi diras, Johanino, ĉion mi faros por ke ci estu mia. Kion ci deziras de mi?

Ŝi fermetis la okulojn momente; malfermetis ilin por observi lin, kvazaŭ ŝi dezirus legi en lia penso, en lia koro.

— Maŭro...

Li prenis vivege ŝiajn manojn.

— Johanino...

— Maŭro, kial mi rakontis al ci mian historion? Mi forkuris el mia lando por forlasi ĉirkaŭon kiu min premis; mi forkuris el mia malgranda mondo, se ne por regajni vivon, almenaŭ por igi ĝin ebla. Ĉi tie eksterlandulino, kaj nekonata, mi estas vivanta. Ci nune scias mian estintecon. Mi ĝin diris al ci, kial ?

Fermetis ŝi ankoraŭ la okulojn por paroleti, kiel en sonĝo :

— Ĉar estus neutile, ke mi provus trompiĝi, ĉar vidiĝas en ci vereco, ĉar ankaŭ mi amas cin ege.

Maŭro Rossi ŝin ĉirkaŭprenis, kaj klinigante la belan, brunan kapon, kisadis ŝian palan gorĝon, ŝian buŝon, ŝiajn okulojn, varmege.

Et itala lingvo esperantigis

Corrado Cerri.

## Penseroj

*Estu viro ! Tio estas postulo esti kvazaŭ Dio. Kaj tio estas tamen tro multe postulata.*

*

*Ĉio malfideliĝas. Nur la revoj revenas kelkfoje.*

*

*La amo jam de longe mortis, sed la ĵaluzo vivas ankoraŭ.*

*

*Ĝojo estas nur floro, frukto estas ĉiam ĉagreno.*

*

*Memoro estas tio, per kio oni ...forgesas ĉion.*

*

*Sidu kurbe, sed parolu rekte !*

*

*Oni pesas homon ne per cento, sed per prudento !*

# El rezervo de rimoj

## Fino de l'artikolo de l'paĝo 2.

Nur post dekkvin jaroj, kiam tre multaj krimuloj restis ne trovitaj, oni fondis « Detective Department », en kiun unue Williamson kaj lia amiko Tanner estis kunvokataj. Oni donis al ili mansardon en la malnova Scotland Yard. Jam en la unua jaro Williamson sukcesis komplete esplori tri krimojn, kiuj restis enigmaj al la ordinara policoĈi-tiuj sukcesoj plimultiĝis, Williamson estis nomata inspektoro, la efektivo de lia sekcio iom post iom plialtiĝis al dek viroj. Dum dudek jaroj ili laboris verdire anonime. Kiam en la jaro 1865 ili malkaŝis la centan krimon, la plej alta estraro, la « Home-Office », donis al ili la plej brilan ateston de sia laŭdo : per ordono ĉiuj policoficejoj de Granda Britujo estis sciigataj, ke ili transdonu ĉiun kazon, kiun ili ne povus esplori mem, al la detektiva departemento de Scotland. Ĉi-tiu ordono renkontis plej akran opozicion, ĉar la estraroj de la unuopaj distriktoj estis fieraj pri sia sendependeco de Londono kaj rigardis kiel humiliĝon, peti la helpon de oficistoj de la ĉefurbo. Sed iom post iom la sekreta sekcio traiĝis, kaj hodiaŭ oni ne plu povas imagi la britan polican sistemon sen ĝi.

*Trad.* W. K.

## Ni ĵuras...

de FEZ.

Je l' tombo de l' Majstro kaj voko [mistera,
Mileñe al ni kiu kuras,
Je nia destin' apostola surtera,
Je l'cindroj praavaj — Ni ĵuras :

« Malpacon por ĉiam el koroj forigi
En unu kuniĝi grandrondo,
Sanktfajron de l' amo, konkord' [ekflamigi
Laŭ tempo praava, pramondo.

Mileñe vekvokan aŭdigi signalon
Tra l' mond' en malpaco dronanta,
Kaj alten starigi la juridealon :
Ideo kaj lingv' Esperanto.

Ve, kiu la ĵuron solene donante,
Sentante sin verdastelana,
Malpacon, malamon daŭrigos kons- [tante
Per pens' kontraŭ la — homarana.

## La valo de l'morto

de Jar. Vrchlicky

Tra kampo foje iris pilgrimanto
Kaj ĉie vidis nur la blankajn [ostojn
Sur deklivoj kaj sur la vasta [kampo.
Li diris : « Tio estas Morta valo »
Lin kovris de l' juneco la vualo
Kaj pasis longaj jaroj en rapido
Sed tiu sama por li estis vido.
Li forturnis sin kaj indigne diris :
« Ke mondo Morta valo est' mi [vidis ! »

Tradukis L. Rydl.

## La drinkulo

Johano Henriko Mackay.

En frumatena lumo dube hela,
laŭ la senfina ŝtona murserio,
palpante, laca, kun la paŝ' ŝancela,
li trenas hejmen sin post drink- [orgio.

El la okuloj de la ebriulo
obstina spito brilas, penetranta,
kaj sur la lipoj de la mizerulo
vidiĝas akra rido malŝatanta :

« En via mondo fia, hipokrita,
perforto aĉa tenas min ĉikane.
Pro tio de la pinto altspirita
mi ĵetis min en koton propramane.

Kaj, kion ne kapablas dum la tago
animo jam delonge sufokita
per fera premo ekster homimago,
per peza ĉeno el mizer' forĝita,

jen, tion donas nokto de ebrio.
Dolorojn de la vivo mi forŝovas.
Kaj en kompar' kun mia mem-[konscio
profunde malestimi vin mi povas !

Tradukis O. B.

## Malgranda Kanto

M. v. Ebner-Eschenbach.

Malgranda kanto ! — kiel estas [eble
Ke oni povas tiom ami ĝin ?
Ĉu en ĝi estas io ? Diru, kio !

Jes, — en ĝi estas iom da rimo,
Iom da sono, da bela tono
Kaj — t u t a a n i m o.

Trad. W. L.

## Adiaŭo al la amiko

de Li-Be (ĉina poeto)

Ĉe la nordo kuŝas verda monto,
Oriento pura akv' ĉirkaŭas;
De ĉi tie ni nun adiaŭas,
Sole vi veturas kun volonto.

De la celo estas vojaĝanto
Kiel fornaĝanta la nubeto;
Kaj sunkuŝiĝanta la brileto
Estas kiel amo de l' amanto.

Dum momento tio ĉi foriras,
Unu kaj alian manlavante;
Estas per ĉevalo vi rajdante,
Ĝi por adiaŭi ĉevalblekas.

Trad. K. Ĉ. Sunfizo, Pekino.

*
* *

## Analizo

Léo Belmont

Ho ! la pens' — mia pens' — mor- [tigul' !
Ĉian eron de sento eniĝas...
Do en plej profundega pasi'
Analiz' — mordetant' aperiĝas...

Ĉu pri am', ĉu malam', ĉu koler'
Varmajn strofojn paperon mi [metas —
Forgesigas nenia min kant'
Ĉiam pensas la kor' kaj ridetas !

## Elegio

De A. Puŝkin

— 1821 —

Postvivis miajn mi dezirojn,
Mi amperfidis al revar' !
Al mi nun restis nur sopiroj —
De l' kormal pleno la fruktar' !

Sub blovoj de la sort'kruela
Floranta velkis mia kron' !
Mi vivas sola kaj sencela,
Atendas baton de l'finson'.

Simile, de malvarm' frapita,
Dum fajfas vintra melodi',
En sol' sur branĉo nudigita
Malfrua tremas la foli'.

Tradukis: V. Polakov.

## La espero

De Heinrich Leuthold

Inter ĝ o j o kaj m i z e r o :
Jen profunda intermonto,
Super tiu estas ponto,
Kiun formas la e s p e r o.
Sed — ĝi pendas en l "a e r o !

Trad. W. L.

Ĉe kamparano, malblanka mano
sed klanka panc

*

Homo estas kun atesto
Plej danĝera rabobesto.

*

Kun la frenezulo, ne estu kunulo.

*

Trans landlimo
alia kutimo

## Tra Eŭropo per Esperanto

Nia bulgara samideano, Ivan H. Krestanov el Sofia, ĝis la 15-a de Majo 1938 en Reykjavik, Islando petas nin, sciigi la abonantojn de lia lasta verko « Tra Eŭropo per Esperanto », ke pro lia prokrastita hejmreveno la menciita libro aperos nur en la fino de la kuranta jaro. La antaŭpagantoj ĝis la 1-a de Majo 1938 rajtas ĝin ricevi duonpreze, t.e. kontraŭ 4 (kvar) svisaj frankoj aŭ egalvaloro — ankaŭ respond-kuponoj akceptebla.

## Gvidantoj de daŭrigaj kursoj

Kiuj deziras ricevi tute senpage la duan eldonon de la Plena Gramatiko de Esperanto en la redakto de Kalocsay-Waringhien, 500 paĝa grandformata libro, kun densa komposto kaj vendoprezo de usonaj dolaroj 2.86, skribu tuj pri tio al la eldonejo « Literatura Mondo » Budapest IX. Soroksári-str. 38. Hungarujo, aŭ al sia kutima librovendisto.

## Universala Arta Ligo

Sub la titolo Universala Arta Ligo, fondiĝis mondorganizo. Ni alvokas la artistojn de ĉiu nacio al aliĝo. Celo de l' Organizo : aranĝo de internaciaj ekspozicioj, kreo de artistaj hejmoj, laborejoj, muzeoj, helpo al reciprokaj interŝanĝvojaĝoj de fremdaj artistoj kaj artamikoj. En la unuopaj landoj fondiĝos landaj grupoj, kun memstara gvidantaro, kies delegitoj reprezentas la landan grupon en la centra gvidantaro, kies sidejo estas en Parizo.

Tiu, kiu volas aliĝi aŭ akceptas la taskon fondi landan grupon, skribu al jena adreso :

Ervin Preis, redaktoro de Mondo de l' Artisto, Budapest VII. Szövetség-u. 28/b.

A. Farkas.

E. Preis. L. Rodo.

# Variaĵoj

## Efektive granda Animo

S-ro Leonard Mackail, la prezidanto de la Amerika Bibliografia Societo, kiu lastan Majon mortis en Virginio, Usono, estis samtempe unu el la plej eruditaj kaj plej « kiñotecaj » de libroamantoj. Oni ofte lin nomis « la Sherlock Holmes » de libroj, pro lia preskaŭ superhoma povo eltrovi rarajn verkajojn, al kiuj aliaj ekspertoj, longe kaj vane serĉis. Li forte kontraŭis komercismon en libroaferoj kaj fordonis almenaŭ du cent librojn jare al homoj, pri kiuj li opiniis. ke ili ŝatos ilin. Esploran-te en premaera butiko en Lausanne li ektrovis unuan eldonitaĵon de « The Decline and Fall of the Roman Empire » de Gibbon ; ĝi antaŭe estis la propra posedaĵo de tiu fama aŭtoro, kaj enhavis liajn marĝenajn notojn. Mackail aĉetis ĝin por la absurde malalta prezo de sep ŝilingoj kaj tuje sendis ĝin al iu homo, kiun li neniam vidis: nome, Profesoro J. B. Bury, la granda erudiciulo de Cambridge. Ĉi tiu estis dediĉinta sian vivdaŭron al la tasko redaktadi la vivon kaj verkojn de Gibbon, sed mem ne posedis ekzempleron de la unua eldono. La profesoro estis pro ĝojo-miro frapita senparole kiam li ricevis tiele valoran, ŝatatan donacon de tute-nekonato.

Trad. Robo.

(El The Daily Telegraph, London).

## Difino

Generalo Pershing kiu laste vizitis Eŭropon, parolis kun francaj eminentuloj.

La interparolado temis pri moroj, homoj kaj aferoj de Usono. Rapide iu notis tiun strangan difinon :

— Kio estas optimisto ? Optimisto estas bravulo, kiu ne asekuras sian vivon antaŭ foriri al Chicago.

## „ Heroeco "

Du japanaj leŭtenantoj Toshiaki Mukai kaj Jvao Noda, batalantaj proksime de Nanking vetis, kiu unue atingas la centan ĉinon mortigitan per la Jamatoglavo. La veto ne povis esti decidita, kvankam ĉiu el la oficiroj jam sukcesis mortigi pli ol unu centon. Oni ne povis ekzakte konstati, kiu estis la unua, atinginte tiun ĉi celon. La veton oni daŭrigas ĝis la sumo 150. La glavo de Leŭtenanto Mukai estis iom difektita, kiam li mortigis ĉinon, trafinte ties ŝtalkaskon, tiel ke la glavo ricevis randrompaĵojn.

(Laŭ japana gazeto Nichi Nichi).

## En profunda Ruslando

La franca esplorinto Métivier iam vojaĝanta kun du amikoj alvenis en la sola hotelo de vilaĝo perdita en la finfino de Ruslando.

Dezirante daŭrigi sian vojon, la vojaĝistoj petas veturilon. Sed neeble estas sin komprenigi. Per lia bastono Métivier gestas kvazaŭ veturigisto vipante ĉevalojn. La servistaro ridis, nur la hotelestro staris senmove.

Métivier tiam kvazaŭ surĉevale sin metis sur la dorso de amiko kaj ambaŭ viroj ekturnis ĉirkaŭ la salono, kaj daŭre farante la geston de veturigisto, Métivier kriis al la mastro : « Sed idiotulo, stultulo, ĉu ci ne vidas ke ni bezonas ĉevalon kaj veturilon ? » « La servantaro krevis pro rido, la hotelestro restis ĉiam senmove. Lacegaj la du amikoj haltis.

Tiam la hotelestro kliniĝis : « Tiuj Sinjoroj deziras sendube ke oni jungu la ĉevalojn » li diris, en plej pura franca lingvo !

Estis samlandano delonge elmigrinta al Ruslando.

## Poŝtmark-interŝanĝo

Oldrich Vanek, del. de UEA, Česká Trebová 936, interŝanĝas ĉsl. PM kontraŭ la sama kvanto, k.ĉ.l., minimume 100 diversajn aŭ 250 po maksimume 5 samaj peco), en rekom, sendaĵoj. Respondo garantiata. Prizorgo de neuzitaj ĉsl. novaĵoj.

## Regno de pensoj

Spirita, senpartia revueto de ĉiuj tempoj kaj nacioj estas havebla de :

Esperanto, Internat. ul. 42, Mukačevo, Č. S. R.

## La leterportisto ne estas kontenta

Junulino loĝas kun siaj gepatroj en izolita domo staranta je la supro de kruda vojo.

Ĉiutage la leterportisto alportas al tiu junulino florornamitan poŝtkarton kun surskribo : « Mil Kisojn Bruno ».

La dekkvaran tagon li diras per nemilda voĉo :

— Ĉu vi ne povus diri al Bruno ke li sendu la 14 000 restantajn kisojn en unu fojon ?

## Ame ni kredu !

Ame oni devas ekrigardi la vivon homan ! Homoj, kiuj troviĝas en diversaj landoj, parolas diverslingve, sed sentas egale, ke neniam oni devas batali kruele, ŝakale, homoj per kies pensoj la mondo resaniĝos, saĝe devas rigardi la vivon homan konstante. Persiste ni pensu, kredu esperu, ke ni homoj estas egalrajtaj, persiste ni laboru por paco homa, trankviligo anima kaj neniam ĉesante batali. Ni batalu por la paco, ĉiam kredante, ke ekregos amo, fratsento, ni laboru persiste kaj ĉiam esperante, ke ĉiuj homoj nin komprenos. Kaj tiu espero nin instigante al laboro paca, paciga, kaj tiu espero-kredo, ke ni egalrajtaj homoj estas, instigos al la sama celo ankaŭ la rigardantojn. Tiam pligrandiĝos la anaro paca, niaj vicoj pleniĝos per homoj egalsentaj. Kaj marŝante antaŭen al la homa celo ni pacon kreos, kaj agrablaj sentoj agrabligos ĉiujn, kiuj nin vidas aŭskultas pri ni. Tiam, ĉie egale, ame fratsenton ĉiuj eksentos, ekkredos — ke ni fratoj estas kaj estos estonte. Saĝe ni devas ekrigardi la homan vivon. Ni batalu per Dia amo — tuthoman bonon !

Radi.

## Eŭkaristia Kongreso

Ni hungaraj esperantistaj fervojistoj petas ĉiujn eksterlandajn fervojistojn kiuj vojaĝos al Budapest okaze de la Eŭkaristia kongreso ke pri sia alveno estu afablaj urĝe sciigi Teodoro Kovács p. fervojoficisto, Budapest VII. Hernád u. 6. I. 10.

La redaktoroj de esperantaj gazetoj estas petataj represi tiun ĉi alvokon kaj bonvolu komuniki ĝin.

## Bibliografia Servo

*Jago Veki :* Vortara teorio de la Amo (Kelkaj vortoj ankaŭ pri la seksa vivo). Eld. J. Wekerle, 33, rue Lacépède, Paris V. 88 paĝoj. Formato 20×14 cm. Prezo ne indikita. (1936- ).

*Jan Filip :* Fino de la Mondo (Simbola socia simfonio en tri aktoj). Eld. Malkaraj libroj — Aleš Berka, Brno II. 58 paĝoj. Formato 18,5×12,5 cm. Prezo : Broŝurite Kč. 8. —, bindite Kč. 10. — (1937-40).

*Joël Thézard :* Nordnordaj Fabeloj. Eld. J. Muusses, Purmerend (Nederlando). 32 paĝoj. Formato 19,5×13,5 cm. Prezo Guld. 0.35 aŭ 3 respondkuponoj. (1937-41).

*Ivan Ŝirjaev :* En la Vagono, kaj aliaj rakontoj. Eld. J. Muusses, Purmerend (Nederlando). 29 paĝoj. Formato 19,5×13,5 cm. Prezo Guld. 0.35 aŭ 3 respond-kuponoj. (1937-42).

*Jesus Amaya :* Mejiko kaj Kardenas. Eld. Editorial Lumen, Mejiko (Meksiko). 112 paĝoj. Formato 19,5×14,5 cm. Prezo ne indikita. (1937-43).

*Jolanta Földes :* La strato de fiŝanta kato. Trad. Ladislao Halka kaj Ladislao Spierer. Eld. Literatura Mondo, Budapest. 268 paĝoj. Formato 20×13,5 cm. Prezo en USA-Dolaroj : broŝ. 1. — ; bind. 1.25 ; lukse bind. 1.55 (aldonu 10 % sendkostojn) (1937-44).

*M. Muller :* Rembrandt la Magiisto. Eld. Holanda Eldonejo « Esperanto », Amsterdam. 160 paĝoj kun multaj reproduktaĵoj. Formato 23×15 cm. Prezo (bele bindita) Guld. 2.25 (plus sendkostoj). (1937-45).

*G. H. N. Zeldenthuis :* Kongresa renkonto. Eld. Malkaraj libroj — Aleš Berka, Brno II. 8 paĝoj. Formato 14,5×11 cm. Prezo ne indikita.

*F. Omelka :* Aventuroj de Antonio. Eld. Malkaraj libroj — Aleš Berka, Brno II. 57 paĝoj. Formato 16×12 cm. Kč. 5. — (1937-46).

*A. Berka :* Slovník Česko-Esperantský (Vortaro Ĉeĥa-Esperanta). Eld. Malkaraj libroj, Brno II. 100 paĝoj. Formato 14,5×10 cm. Prezo Kč. 5. — (1937-47).

*A. Berka :* Slovnik Esperantsko-Český (Vortaro Esperanta-Ĉeĥa). Eld. Malkaraj libroj, Brno II. 75 paĝoj. Formato 14,5×10 cm. Prezo Kč. 4. — (1937-48).

*A. Berka :* Slovnik Česko-Esperantský a Esperantsko-Český (Vortaro Ĉeĥa-Esperanta kaj Esperanta-Ĉeĥa). Eld. Malkaraj libroj, Brno II. 100+75 paĝoj (kunmetite). Formato 14,5×10 cm. Prezo Kč.5. — + 4. — (1937-49).

*D-ro Francisko Szilágyi :* Ellernu ! (Progresa kurso de Esperanto). Eld. Literatura Mondo, Budapest. 120 paĝoj. Formato 23×15,5 cm. Prezo USA-Dolaroj —. 56 plus 10 % sendkostoj. (1937-50).

*A. Berka :* E. M. L. Kalendaro 1938. Eld. Malkaraj libroj, Brno II. 18 paĝoj. Formato 15×11 cm. Prezo ne indikita (1938-1).

*Kort. Konsil. Hugo Steiner :* Tutmonda Adresaro de la Esperantistoj. Eld. la aŭtoro. 130 paĝoj. Formato 23×15,5 cm. Prezo 4 respondkuponoj. (1938-2).

## Uzu

### Esperanto-ŝlosilojn kiel donacon aŭ pagilon !

Vere, ekzistas multaj rimedoj kaj metodoj, por disvastigi nian lingvon. Certe, ĉiuj estas bonaj, kaj neniuj rifuzindaj. Nur restas grava problemo, uzi ilin en konvenaj (trafaj) lokoj, kaj tempoj, ĉar, ne ĉiu metodo kaj rimedo, povas esti uzata, en kiu ajn loko kaj tempo. Pripensi tion, estas grava problemo, kaj nia tasko. Komprenеble ke, kie ne sukcesas unu rimedo aŭ metodo, povas plene sukcesi alia. Nur, ne malesperi ! Nur kuraĝe antaŭen. Do, ankaŭ mi, eĉ nur nova samideano, dezirus alporti al samideanaro nun ereton, al jam aro, de jam ĝis nun elpensitaj metodoj, kaj eltrovitaj rimedoj.

Estas kompreneble, ke ne ĉiam oni povas pagi per esperanto-ŝlosilo aŭ per malmulte kosta lernolibreto aŭ per krajono kun surskribo « Esperanto ». sed jes en multaj okazoj. Ĉi sube mi opinias diri al vi kelkajn, kiujn mi jam praktike elprovis.

Al ĉiu homo okazas, ke aliulo faras al li komplezservon, kiun fari li ne estas devigata, kaj por kiu servo oni ne estas devigata pagi, sed eble doni ian rekompencon, t.e. trinkmonon aŭ cigaredojn. En similaj okazoj, mi pagas (rekompencas-donacas) anstataŭ trinkmono aŭ cigaredoj, jam presitaj kun dum unu jaro esperanto ŝlosilojn, malmulte kostajn lernolibretojn (precipe « Ŝamla ») aŭ al tiuj al kiuj mi jam unufoje donacis ĝin, alifoje mi donacas krajonon kun surskribo « Esperanto ». Same mi faras, kiam lerno knabo de tajloro aŭ de ŝuisto alportas riparitajn aŭ faritajn aĵojn. Fine mi povas diri al vi, ke mi tiamaniere jam multajn amikojn altiris al nia lingvo pli proksime, kaj mi promesas daŭrigi ne nur dum nuna tuta vivo sed ankaŭ dum vivoj venontaj, ĉar mi, kiel membro de Rozkrucanasocio, vivos eterne.

Er. Svačina, Lanzhot 663, Ĉeĥoslov.

## Turisma Servo

### Svislando en la neĝo

estas la titolo de broŝuro, jam aperinta pasintjare. La nuna estas entute nova, kun alia teksto, responda al la ŝanĝitaj kondiĉoj. La traduko estas bona, prezento kaj preso senriproĉa. Oni povas ricevi ekzempleron rekte de la Svisa Turisma Centro, Bahnhofplatz 9 Zürich.

### La kvar sezonoj en Italujo

la belega turisma kajero estas ricevebla de nun pere de l'Turisma Servo de UEA kontraŭ nura repago de l'afranko, 0,15 Fr. sv. per ĉiulandaj ne-uzitaj P.M.



## Esperantistoj

el ĉiuj landoj sendu viajn Fotaĵojn por eldono de albumo. Ĉiu sendanto ricevos multajn Fotaĵojn el diversaj landoj senpage. Fotografejo A. Indrulis, Laizuva, Litovujo.

## Poŝtmark - interŝanĝo

S-ro Mićé Marinović, lernanto de klasika gimnazio, filo de delegito de UEA, en Badija, (Korĉula) Jugoslavio, Dalmacio, dez. interŝanĝi PI kaj PM kun ĉiuj landoj.

## PM egalas monon !

Helpu Tutmonda esperantistaro ! Esp-movado en Ŝanhajo nuntempe estas en malbona situacio ! Sed la movadon ankoraŭ ne-facile funkciigas tie iuj fervoraj samideanoj. Por subteni tiean nian movadon donace sendu kiel eble plej multe da PM ordinarajn aŭ memorigajn kaj kompreneble uzitajn ! Adreso : S-ro Ĉoĉa, 14/169 Carter Road, Ŝanhajo, Ĉinio.

## Korespondado

S-ro Juha Löhmus, Misso, Estonio dez. kor. kun hungaraj fraŭlinoj.

S-ro Georgi Donĉev, Str. Gurko 1, Tirnovo, Bulgar., dez. korespondi kaj interŝanĝi PM kun gesamideanoj de la tuta mondo.

## Literatura Mondo

**10 dolarcendojn** kostas ekzemplero de **Literatura Mondo**, se vi mendas kolektive kun la grupanoj almenaŭ 10 ekzemplerojn. Unu ekzemplero ricevebla por 14 dolarcendoj. Jare 16 numeroj, po 16 paĝoj, kun la aldonoj. Abonkotizo por jaro 1.80 USA dolaroj aŭ egalvaloro. Postulu specimenon kontraŭ respondkupono de Literatura Mondo, Soroksári u. 38, Budapest IX.

Fondinto : H. Hodler, † 1920
Redakcio : Genève.
Red.: Provizora Komitato de U E A
Presis : Granchamp,
Imprimerie, Annemasse, (Haute-Savoie)
Dato : 28 Februaro 1938